# INTERNACIA ĴURNALISTO



JARO XI, SOFIA — BULGARIO
JANUARO — MARTO 1967, № 1

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## T.E.Ĵ.A. KAJ LA INTERNACIA JARO DE TURISMO (I.J.T.)

*La forpasinta 1966 estis Jaro de Internacia Kunlaborado. Sendube nia E.-movado, kaj aparte nia TEĴA, en certa grado kontribuis por ke ĝi estu fruktodona. La Ĝenerala Asambleo de UN proklamis la jaron 1967 kiel Internacian Jaron de Turismo.*

*UNESKO — organizaĵo precipe pri kulturaj aferoj ĉe UN — jam komencis tuicele la necesan propagandon. La decembra n-ro de la monata revuo de UNESKO — „Kuriero" — aperanta en naŭ lingvoj, estis dediĉita al la Internacia Turismo. „Esperanto" de UEA en sia februara n-ro ankaŭ traktis tiun demandon. UEA dissendis ankaŭ specialan cirkuleron al la E.-organizaĵoj en ĉiuj landoj, per kiu konkrete instrukcias kiamaniere oni laboru por la efektivigo de tiu internacia kampanjo tiel ke ĝi estu plensukcesa por la internacia turismo kaj la Esperanto-movado.*

*Estas superflue argumenti kaj pruvi, ke TEĴA kiel tuto kaj ĝiaj membroj-ĉiuj aparte-povas kaj devas esti en la vicoj de la unuaj taĉmentoj, eĉ, ke ĝi estu la frunta por la realigo de tiu grava kampanjo. Nia asocio kaj ĉiu tejano, kunlaboranta al aliaj esperantaj aŭ ne esperantaj organizaĵoj, havas la taskon subteni en diversaj grupoj, rondoj, medioj, kluboj, plej vastan kaj riĉenhavan propagandon pri la IJT. Niaj plej gravaj kondiĉo kaj favora avantaĝo estas ke nia profesio estas internacieca, ke ni plej ofte veturas eksterlanden ol ĉiuj aliaj homoj, ke ni havas vastajn kontaktojn kaj ligojn en la tuta mondo, kaj fine — ke ni posedas krom naciajn lingvojn ankaŭ Esperanton — ĉio ĉi permesas al ni-tejanoj-esti en la unuaj vicoj kaj batalantoj por la realigo de la celoj de la Internacia Jaro de Turismo, por la konatiĝo, kompreniĝo kaj amikiĝo inter la homoj de diversaj landoj.*

*La esperantistoj kaj speciale la tejanoj devas esti je dispono de diversaj internaciaj kaj landaj institucioj, precipe turismaj organizaĵoj, oficoj, eldonejoj ktp. Ili povas traduki kaj eldoni en Esperanto iliajn gazetojn, prospektojn, faldfoliojn, propagandajn materialojn. En Bulgario ĵurnalistoj — esperantistoj tradukas kaj helpas en la eldonado de la granda turista kaj kulturripoza gazeto „Ripozoj" en Esperanto. Dum tiu jaro la tejanoj devas organizi ekskursojn, vizitojn, gastigojn inter ĵurnalistoj, inter si mem. En la nacilingvaj gazetoj kaj revuoj ili devas aperigi ne nur priturismajn artikolojn, histori-geografiajn materialojn, sed ankaŭ siajn proprajn vojaĝpriskribojn, en kiuj ili memoru la utilon de la Internacia Lingvo en iliaj eksterlandaj vojaĝoj kaj profesia kunlaboro.*

*Tiu ĉi laboro de TEĴA kaj de ĝiaj membroj dum la Internacia Jaro de Turismo per si mem nepre kontribuos por la plivigligo kaj stabiligo de nia faka asocio, ĝi altigos ĝian aŭtoritaton antaŭ la esperantistaj kaj landaj organizaĵoj kaj institucioj.*

*Estus bone-finfine-se „Internacia Ĵurnalisto" aperigos en konstanta rubriko la dezirojn kaj petojn de niaj kolegoj por eksterlandaj vojaĝoj kaj ekskursoj, iliajn preferojn — en kiun landon ili emasiri, kiujn objektojn vidi, ĉe kiuj gasti ktp.*

*Ivan Batakliev*

# NOVAJ, NEKONATAJ MATERIALOJ PRI MAKSIM GORKIJ KAJ ESPERANTO

## La estonto apartenas al Esperanto

Pretekstis la parolon pri la lingvo Esperanto la Rusa-Esperanta vortaro, kompilita de grupo da aŭtoroj sub gvido de N. Korzlinskij. Rimarkinte la libron, Gorkij levis la brovojn kaj vigle etendis al ĝi la manojn.

— Montru al mi la verkon!

Atente li trarigardis la akuratan volumeton en hele blua kovrilo, presitan en Moskvo en la jaro 1910. Foliumante ĝiajn 730 paĝojn, Gorkij prononcis la vortojn, kelkiam ripetis ilin, atentigante la belsonecon. Ni aŭskultis:

— Ĵenŝĉina — virino! Djevoĉka — knabino! Veslo — remilo! Vesna — printempo! Utverĵdenie — aserto!

Strebe rigardis li nin kaj la libron kun gaja miro, kvazaŭ renkontis la amikojn post longa disiĝo.

— Jam delonge mi volas vidi la vortaron. . . Ĝi ŝajnas esti unu el unuaj eldonaĵoj, ĉu ne?. Ho! Ĝin trarigardis eĉ la kreinto de Esperanto — doktoro Zamenhof... Ĝustaloke, li estas rimarkinda homo!

Bobriŝev kaj mi sciis malmulton pri Esperanto. Ĝi interesis nin nur konekse kun la laboro pri la vortaro de sinonimoj, kiu ĝuste venigis nin al aĉeto de la libro, alloginta la atenton de Gorkij. Ni sincere konfesis nian ignorecon rilate Esperanton kaj petis Gorkij diri sian opinion pri la nova lingvo.

Gorkij volonte konsentis kaj ni aŭdis argumentitan rakonton, malfermintan al ni multe da novo pri la apero de Esperanto, pri ĝiaj unuaj paŝoj en diversaj landoj, pri ĝia estonto. Ambaŭ ni sidis vid-al-vide al la mastro en la kabineto, kie pasis la konversacio, larĝe malferminte la okulojn. Tuj de la unuaj vortoj iĝis klare, ke Gorkij estas arda adepto kaj propagandisto de Esperanto.

Tio estis antaŭ multaj jaroj, sed por la tuta mia vivo memoriĝis la vortoj, proponitaj de l' obtuza Gorkij'a baso. Li sidis en apogseĝo ĉe la vasta tablo, sur kiu en strikta ordo kuŝis libroj kaj manuskriptoj. De tempo al tempo li glat-tuŝis la trafumitajn lipharojn, movis manon super griziĝanta „erinaca" hararanĝo, super sulkita frunto kaj rigardis nin per grize bluaj okuloj el sub la arbustaj brovoj. Li sidis, fumis kaj trankvile rakontis, interrompata de tuso. Apud li, iom malantaŭe, sin lokiĝis la konstanta lia sekretario P. Kruĵkov.

— Eksterlande, preskaŭ en ĉiuj ŝtatoj, — diris Gorkij, — delonge ekzistas esperantistaj asocioj, laboras kursoj, estas eldonitaj lernolibroj, vortaroj, miloj da verkoj, centoj da ĵurnaloj kaj revuoj. Ne unufoje jam kunvenis internaciaj kongresoj, konferencoj. Ili interproksimigas la homojn de diversaj kontinentoj, servas al granda kultura afero.

Bobriŝev, deteninte sin, diris:

— Sed kial do ĉe ni al Esperanto estas preskaŭ malestima rilato. La lingvo estas nomata malnatura, artefarita, elpensita, oni stariĝas ĝin en unu linion kun argo, kelkiuj eĉ nomas ĝin „ŝtelista muziko". De kie tio aperas?

Bobriŝev demandis kun indigno kontraŭ la negativa rilato al Esperento, kaj la indigno transiris al Gorkij. Li aŭskultis, malsereniĝante kun ĉiu vorto, profunde spiris, kelkfoje nerve movis ŝultron; li ne deflankiĝis de ni la rigardon de siaj profundekaŝitaj okuloj sub severa frunto.

Li respondis tuje, komencis malrapide, apenaŭ malpremante la makzelon.

— Artefarita, elpensita lingvo! — prononcis Gorkij kaj balancis la kapon. — Kaj kio el la kreito de l' homo ne estas artefarita? Kio do? Ĉu la naciaj lingvoj ne estas la rezulto de penoj de tutaj popoloj? Estu ili kreataj eĉ dum jarmiloj?

Gorkij haltis, atendante respondon. Ni konsentis kun la nerifutebla vero.

— Hakilo, lokomotivo, aeroplano, — li daŭrigis, — ĉu ili ne estas artefaritaj? Ili aperis samkiel la lingvo el la sola fonto: el la viva neceso. La lingvo, kiel interkomprenilo, naskiĝis en procedo de laboro kaj mem fariĝis potenca faktoro de progreso. La tuta kulturo nia estas artefarita, kaj ĝuste tial ĝi servas al ni bonege. Ĉu ne?

— Jes, certe!

— Sekve, la tuta afero dependas de tio, ĉu racia estas Esperanto kaj ĉu kapablas servi kiel interkomprenilo por diverslingvanoj-popoloj? Mi asertas: tiu ĉi artefarita lingvo estas konstruita tre lerte, pripensite, sprite. Kiel ĉio genia, ĝi estas simpla kaj klara. Mi asertas: mastri kaj apliki ĝin estas facile. Tial — ĝi estas bezonata al la homaro. Ĝi ne pretendas anstataŭi la naciajn lingvojn. Ĝia tasko estas multe pli modesta kaj nobla: ĝi celas faciligi profesiajn, kulturajn kaj ĉiutagajn kontaktojn de la popoloj. Nur tio. Sed ĉu tio estas bagatelo?

Li ekparolis pri la persono de l' kreinto de Esperanto.

— Zamenhof donis al la homaro brilan armilon en la batalo por proksimiĝo de popoloj, por igi ilin, nun disajn kaj malamikajn, konkorda familio de popoloj. Kuracisto laŭ sia specialeco, li longe vivis en multlingva urbo kaj eksentis, evidente, kun neordinara akreco la bezonon de unueca lingvo. Zamenhof posedis preskaŭ du dekojn da lingvoj. Libera de nacia malvasteco de eruditaj lingvistoj, li trovis en si la forton, kuraĝon konstrui Esperanton tiel, ke neniu pseŭdoscienca formiko povu subrodi.

Silentinte iome, Gorkij daŭrigis kun ĉiam pli kaj pli kreskanta konvinko:

— Se vi volas, Zamenhof estas **rekta sek**vanto de l' mita Prometeo. Tiu alportis la fajron surteren, ŝtelinte ĝin ĉe dio. Zamenhof donis al la homoj ilon por briligo de anima fajro, kapabla varmigi korojn de milionoj en ĉiuj latitudoj de l'tero. Ĉu ne tiel?

Nian silenton Gorkij akceptis kiel konsenton. Kaj kion ni povus diri al li responde al la arda pledo por Esperanto, pri kiu ni havis plej ŝvebajn sciojn?

Gorkij daŭrigis:

— Por mi Esperanto estas la plej perfekta kaj perspektiva lingvo el ĉiuj naciaj kaj internaciaj lingvoj. Zamenhof kreis al si veran nemanfaritan, eternan monumenton.

Gorkij rakontis pri la strukturo de la lingvo, la fundamento de ĝia gramatiko, trovante ĝin simpla kaj racia. Li admiris la konstantan lokon de l'akcento, prononcon, ne konfliktantan kun la skribo, tiom ke diversa alparolo estas forbalaita de la lingvo, kiel rubo el sub la piedoj. Gorkij, ĉiama pelanto de siblaj kaj fajfaj finaĵoj, de ĉiuj „ŝĉej", „vŝej" kaj „ŝej", „ŝivŝiĥsja" (oftaj finaĵoj de participoj en la rusa lingvo), precipe akcentis la belsonon de la lingvo Esperanto, notis foreston de superfluaj kazoj, deklinacioj, konjugacioj, gramatikaj seksoj, multnombraj esceptoj al la samaj, komplikantaj la gramatikon de naciaj lingvoj.

Li tuŝis la kaŭzojn, barantajn la evoluon de Esperanto, menciis la periodon de l' unua mondmilito, kiam „esperantistoj, vestitaj en soldataj manteloj, sidis en tranĉeoj kaj pafis unu la alian", rememoris pri obskurantistoj-ŝovinistoj, kiuj konsideris Esperanton sia malamiko, ĉar ili, aspirante mondodominon, volas sian lingvon altrudi kiel mondlingvon.

En Gorkij kunestis fundamenteco ĉe la takso de tiuj aŭ aliaj fenomenoj kun kapablo pasie defendi tion, kion li agnoskis atendinda. Ni vidis tion multfoje, kaj nun komprenis, ke pri Esperanto li ekparolis ne por tempopasigo.

— Pri Esperanto oni eksciis, — klarigis Gorkij, en 1887 jaro. Kaj de tiu tempo, malgraŭ ĉielaj baroj, ĝi kreskas kaj evoluas. Mi estas certa: la titana laboro de Zamenhof ne pereos! Esperanto estas lingvo de estonto, kaj ne tiom fora.

Gorkij leviĝis de l' apogseĝo kaj sin direktis al la fenestra breto, sur kiu estis vidata iu figureto skulptita el osto, alta ne pli ol dudekkvin centimetroj. Gorkij prenis ĝin en la manojn, revenis al la apogseĝo kaj starigis ĝin sur la tablon. Ni vidis, ke ĝi estas skulpta grupo: patrino, kondukanta knabinon je mano. Li turnis ĝin silente, atente rigardante la trajtojn de l' vizaĝoj kaj faldojn de l' roboj, gluiĝintaj al la kruroj de l' patrino kaj filino; evidente, ili iris kontraŭ vento.

— Bona? — demandis Gorkij.

Ni ne estis ekspertoj de osta skulpto kaj ne rapidis prononci nian juĝon. Gorkij prenis la statueton kaj gardeme starigis ĝin sur sian manplaton.

— Ĝin donacis al mi unu nordano, eminenta ostoskulptisto. Ĝi estas farita, mi diru al vi, majstre! Kaj kun granda senco — la formo ĉi tie fandiĝis kun la enhavo kaj bonege ĝin transdonas. La patrino gvidas la knabinon, ke ŝi, iĝinte patrino, konduku sian infanon laŭ pezaj vojoj, renkonten al ventoj. La artisto ĝuste tion volis diri, tranĉinte ĉi tie, — Gorkij montris la postamenton de l' grupo, — la literojn „vivo". La pareto, — „virino kaj knabino" — (li diris la du vortojn esperantlingve) — estas personigo de l' vivo, ĝia eterneco. Rimarkinde estas farita — prononcis li kun kvieta admiro kaj starigis la statueton sur la tablon.

— Sed, Aleksej Maksimoviĉ, kiel oni vidas, vi sufiĉe bone konas la tutan vortaron de Esperanto, — elŝiriĝis miaj vortoj.

— Similas al tio! — konfirmis Bobriŝev, stebante en la flankon de l' mastro ridetantajn okulojn.

— Lasu, lasu! — svingis per manoj Gorkij kaj faris timigitan vizaĝon. — Tiel, nur etan iomon! Mi, ĉu vi vidas, konsideras, ke Esperanto estas rabotita de genio kaj portas sur si lian stampon. La lingvo estas skulptita de majstro, same kiel la mirakla pareto, — kaj li reprenis en la manojn la statueton, koncentrante rigardon al la vizaĝoj de l' patrino kaj infano, plenaj de espero kaj varmo.

— Jen, ĉu vi vidas, kia penso venis al mia kapo. . . Esperanto estas ankoraŭ persona kreaĵo. Jam hodiaŭ ĝi, enpreninte valorojn de naciaj lingvoj, estas libera de ĝiaj praaj pekoj.

**(Daŭrigota)**

**I. Škapa**

# DUDEK MIL KILOMETROJN MARVOJAĜO

## (VOJAĜPRISKRIBO)

Ĉirkaŭ la 14.30 h. nia ŝipo haltis antaŭ la haveno de la franca urbo Calais Per motorboato al ni venis franca piloto. Post sia surŝipiĝo kaj la ofica interparolo kun niaj kapitanoj, la piloto sciigis al ili, ke iu franca esperantisto telefonis al li el urbo Arras (ĉirkaŭ 120 klm for de la haveno), ke li venos je la 18 horo preni nian gripeton per aŭtomobilo.

ĈIE LA ESPERANTISTOJ ESTAS AMIKOJ

Kune kun la afabla piloto mi iris en la havenon. La ceteraj levis atendi la dogankontrolon en la ŝipo. Mi vizitis la oficejon de la piloto, poste li promenis min per sia aŭtomobilo tra la havena parto de la urbo, regalis min en restoracio, lasis min promeni tra la stratoj kaj post du horoj ree per la aŭtomobilo veturigis min al la havenaj kajoj. Franca komplezemo. Kun li ni parolis france. Mi tutkore dankis al tiu bona havenoficisto.

Mi anticipe skribis al iuj amikoj-esperantistoj en la landoj, kiujn ni vizitos, kiam (proksimume) ni atingos iliajn havenurbojn, por ke ili atendu kaj serĉu nin. Kaj jen — la unua al kiu mi skribis — s-ano Roger Monnier el Arras, en la momento kiam nia ŝipo alkajiĝis, venis kun sia granda maŝino. Ni ĉirkaŭbrakis nin kaj iris ĉe niaj ŝipĉefoj, kiuj iom miris pro niaj amikaj ligoj kun eksterlandanoj. Sen iaj ajn formalaĵoj nia esperantista grupeto forlasis la ŝipon (oni konfidas al esperantistoj) kaj per la aŭtomobilo de nia kara gastiganto ni trapasis iujn kvartalojn de la interesa urbo Calais kaj rapide ekveturis al Arras.

La tuta familio Monnier — ĉiuj esperantistoj — jam atendis nin. Mi de dek jaroj renkontiĝas kun la gepatroj (Roger kaj Alfredo) kaj la filo (Jean) dum Universalaj Kongresoj (Marseille, Mainz, Kopenhago, Hago, Varszawa, Sofia, Budapest). En Sofia (1963) ili loĝis ĉe mia fratino, Petruna, kiu nun ankaŭ gastas al ili. Ĉirkaŭ la antaŭpreparita manĝotablo estis krom la filo ankaŭ la filinoj de Monier — du edziniĝintaj kun siaj edzoj kaj unu — fianĉino kun la fianĉo. Ĉiuj ĉeestantoj estis gajuloj kaj kantemaj. Ĝis la dua horo post meznokto oni regalis sin, kantis, babilis. La bulgaroj kantis hore bulgarajn popolkantojn, la francoj – francajn. Neforgesinda vespero.



Antaŭ la urbodomo en Calais, Francio

La sekvantan matenon per la aŭtomobilo, gvidata de nia fortika dommastro, ni ekveturis al

LA BELEGA ĈEFURBO DE FRANCIO — PARIZO

Irante al Parizo ni veturis laŭ la ordinara ŝoseo en norda Francio por ke ni povu vidi la urbojn kaj vilaĝojn survoje. Post rapida 300 *kilometra* veturado *ni* eniris la brilan urbegon. Tien ĉi mi venas por la tria fojo. Kaj ree al la jam konataj vidindaĵoj — ni vizitis la Ajfelturon, la Triumfan arkon kaj la Placon de la stelo, la katedralon Notre-Dame la mirinda gotika arto, la bulevardon Champs Elyseés, la studentan latinan kvartalon kaj la universitaton la Sorbonne, la belajn ĝardenojn Tuileries kaj Luxembourg, Trokadéro, la placojn Concordo, Bastille ktp. Ni preterpasis la Domon de la invalidoj, la Medeleine, la Panteonon ktp. Bedaŭrinde ni ne havis tempon viziti la artgalerion le Lovre kaj la palacon Versaille. Mi tamen estis en ĝi jam dufoje. Nia aŭtomobilo surgrimpis Montmartre.

— Ho, belega Parizo, mirindaj vidindaĵoj! — susuris miaj amikoj. — Kiam ni vidos vin ankoraŭfoje?

Kiom multe oni povas skribi pri la ĉarma franca ĉefurbo. Sed spaco ne estas, bedaŭrinde!

Returne al Arras ni vojaĝis laŭ la moderna sesstria ŝoseo—rekta, glata — kun 160 klm hore. Agrabla, sed danĝerega veturo lometa difekto en la maŝino, malgranda neatento — kaj . . . ni neniam vidus Bulgarion. Sed nia ŝoforo estis brava, sperta, atentema viro. Por la veturo sur tiu ŝoseo tamen oni devis pagi.

*Malfrue* vespere en Arras ree nin atendis la kantoj, amuzoj ktp. La sekvantan tagon ni trarigardis la urbon. Precipe nin allogis la malnova urbo kun siaj interesaj pitoreskaj domoj — la urbodomo, la katedralo kaj aliaj konstruaĵoj. Kortuŝitaj, ni dankis pro la gastameco kaj helpo al niaj karaj dommastroj kaj per vagonaro ni revenis en Calais. Sekvis promeno tra la *stratoj* kaj ĝardenoj de tiu malnova franca urbo, havanta interesan historion. Iam ĝin konkeris la angloj. Dum la lasta mondmilito ĝi estis okupita de la hitlera armeo, preskaŭ ruinigita dum bataloj kaj nun novekonstruata — belaj modernaj konstruaĵoj, ĝardenoj, parkoj, magazenoj, vigla haveno. Dum 1967 tie ĉi okazos la landa kongreso de la francaj *esperantistoj*.

La markolon Pas de Calais ni pasis trankvile, sed la Norda maro renkontis nin malafable. *Iuj* malsaniĝis pro la granda ondiĝo. Post du noktoj kaj unu taga vojaĝo ni eniris la riveron Elbo kaj-laŭ ĝi-en la grandegan havenon de Hamburgo, ankaŭ kun piloto.

EN OKCIDENTA GERMANIO

Hamburgo iom ŝanĝiĝis. Mi vizitis ĝin antaŭ 4 jaroj, post la Universala Kongreso de Esperanto en Kopenhago. Novaj, altaj kaj modernaj konstruaĵoj plibeligis ĝin. La dummilitaj ruinaĵoj ankoraŭ forigataj. Tiam mi dormis en la esperantista familio de la gastama policano Weide. Kompreneble tiam mi bone trarigardis ĝin. Ankaŭ nun kun miaj kolegoj kaj grupeto da maristoj. Unue oni montris al ni la interesan kvartalon Sen Paŭlo kun ĝiaj amuzejoj: dometoj kaj hoteloj, kie oni povas „aĉeti" virinan amon, kabaretoj, kie virinoj senvestiĝas nudaj ktp. Kompreneble ni eniris en nenian amuzejon, sed nur preterpasis ilin, kvankam iliaj posedantoj invitadis nin ankoraŭ sur la stratoj. Similaj amuzdomoj en nia lando estas malpermesataj kaj nekutimaj.

Nia grupo trapasis multajn stratojn, placojn, vizitis magazenojn kaj muzeojn, vidis monumentojn. Malbonan impreson faris al ni la jena spektaklo: grupeto de junuloj (5—6 homoj), strange vestitaj, kun paperaj atomraketoj sur iliaj kapoj, marŝadis sur la trotoaro en vico — unu post aliakiel soldatoj kaj kantis ne kompreneblan kanton. Oni diris al ni, ke tio estas neofaŝistoj. La pasantaj urbanoj moke rigardis al ili. Interese: ĉu la historio ripetiĝas?! Tiel primokitaj komencis ankaŭ la naziistoj de Hitler.



La Urbodomo en Hamburgo, GFR

En GFR ni vizitis ankaŭ alian havenurbon — Emden. En ĝian havenon ni eniris per speciala kluzo. Ĉar ĝi estas milita, la kontrolo estas severa kaj speciale por ŝipoj de socialistaj landoj. Kiam post la kontrolo ni iris en la urbon, havenkontrolistoj tuj vizitis ankoraŭfoje nian ŝipon kaj detale traserĉis ĝin. Emden estas pitoreska urbo-kun kanaloj, 2—3 etaĝaj domoj kun ruĝaj brikfasadoj kaj pintaj tegoloj. En la haveno staris du japanaj komercaj ŝipoj. Tie, kie oni skribas la nomon de la ŝipoj, estis pentritaj naziistaj svastikoj. Kial!?

En ĉiuj havenoj ni restis po 2—3 tagoj. Ankaŭ en Emden mi ne serĉis s-anojn. Iun vesperon ni forlasis la havenon ekveturinte al Roterdamo, Nederlando.

(Daŭrigota)

IV. ESPEROV

SCIIGOJ—ANONCOJ—SCIIGOJ—ANONCOJ

— Instruisto de angla lingvo, ĵurnalisto, serĉas korespondamikojn en Anglio kaj USONO. Skribu al: S. A. Ciglis, Iĵevsk, Puŝkinskaja 249 kv. 11, Udm. ASSR, Sovetinio.

— Redakcio „Internacia ĵurnalisto" ree atentigas al la kolegoj kaj al LoKoKo en Tel Aviv (Israelo) sendi turismajn kaj aliajn materialojn, prospektojn, fotojn ktp. pri la lando de la 52-a UK de Esperanto. Pri Israelo materialoj devas aperi en N-ro 2 de „I. Ĵ".

— Wirgiliusz Mlynczyk, 35-jara, ĵurnalisto en „Gazeta Bialistocka" — (adreso: Bialystok, Al. 1 Maja 16 m 31. Pollando) dum julio j. k. ripozos en la Internacia Ĵurnalista Domo en Varna, kun sia edzino. Li serĉas bulgarajn kolegojn por serioza interkontakto kaj kunlaboro.

— Redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" tutkore dankas al ĉiuj kolegoj kaj kunlaborantoj, kiuj salutis la redakcion kaj la redaktoron okaze de la novjaraj festotagoj.

— La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" petas la membrojn de TEĴA kaj la abonantojn de „Internacia Ĵurnalisto" en Hungario sciigi la redakcion ĉu ili ricevas la organon kaj sendi siajn adresojn.

— Redaktoro Niilo Kavenius, Taskulantie I. H. 139, Turku, Finnlando, (vicprezidanto de TEĴA) bezonas, gazetojn aŭ eltranĉaĵojn kun presitaj nacilandaj poŝtmarkoj — nur unukoloraj — blanka—nigra. Li redaktas filatelistan kolumnon en gazeto.

— Estas bezonata reprezentanto de TEĴA en Ĉeĥoslovakio. La membroj de nia asocio en ĈSSR bonvolu interkonsiliĝi kaj elekti inter si la reprezentanton (eblas provizora eĉ), kies adreson oni sendu al la redakcio de „I. Ĵ".

NIA POŜTO

— S. A. Ciglis, Iĵevsk, USSR kaj Wyrg. Mlynczik, Bialystok, Pollando. — Ni donas anoncojn pri viaj deziroj.

— Conrad Fisher, Meadville, Pensylvania, Usono. — Dankon pro la sendaĵo kaj la konsiloj. Ni havos antaŭvide ilin. Ni atendas kontribuaĵon por „I. Ĵ." kaj pagitan reklamon.

— Vladimir Kvapil, Bludov, ĈSSR. — Pri membrokotizo — en ĈSSR oni pagos post eltrovo de konstanta reprezentanto de TEĴA por via lando. Ĉu vi povus esti tia provizore?

— Katay Antal, B-st, Hungario. — Bedaŭrinde la letero ne konvenas al nia organo. Sed alian ĵurnalistan materialon ni volonte aperigos.

— Piller Gyula — Naturamika s-to Ujpest, Budapest, Hungario. — Dankon por la la informo kaj la fotoj. Sed estas malfrue utiligi ilin.

— *J. Snejder, Harkov, USSR.* — *En la pasinta n-ro* de „I. Ĵ." ni respondis al vi (en „Nia Poŝto"). Ne estas eble persone respondi al dekoj da leteroj. Viaj laboro kaj materialoj estas tre interesaj. Se ni havis „Gazetaran Servon" bone funkcianta, viaj materialoj povus esti utiligataj. Por vi estas necesa lingva perfektiĝo.

## ŜUR LARĜAJ VOJOJ — PER NOVAJ METODOJ

(Pri organizo de internacia gazetara konkurso)

Dum la fakkunveno de TEĴA — *okazinta* en la kadro de 51-a Kongreso de UEA en Budapest, ni, hungaraj ĵurnalistoj sugestis kelkajn ideojn, nome kiel altigi la nivelon de nia movada gazetaro, cetere kiel plibonigi la propagandmetodojn.

Nun ni deziras surtabligi proponon pri tio, kiamaniere estus eble pli multajn ĵurnalistojn varbi al TEĴA, pli ĝustadire al „Internacia Ĵurnalisto", krome — kiel ni povus labori per novaj metodoj. Ni opinias, ke nia propono estus taŭga por efike alvoki la atenton de tiuj ĵurnalistoj pri nia afero, kiuj estas ankoraŭ indiferentaj koncerne Esperanton. Do, en la sekvantaj linioj ni detale konigas tion.

**1. Ĵurnalistaj rapor aĵoj, artikoloj k. s.**

„Internacia Ĵurnalisto" anoncu internacian konkurson je la nomo de TEĴA ekskluzive por ĵurnalistoj ĝis nun ne esperantistaj. En ĝi ni instigus ĉiujn niajn gekolegojn — kiuj ĉu profesie, ĉu dum iliaj vojaĝoj privataj jam plurfoje vizitis fremdajn landojn — verku pri tio:

a. Kiajn personajn kaj ĝeneralajn spertojn *ili akiris* en la tereno de internacia vivo, respektive sur iu ajn tereno de la internaciaj interrilatoj pri la lingvaj kaj kontaktaj malfacilaĵoj, krome pri la fuŝtradukoj;

b. Laŭ ilia opinio kion oni povas fari por la solvo de tiuj babelaj problemoj: *kaj se ili* konas la celojn de la Esperanto-movado, ili ekspliku, kiaj naciaj kaj internaciaj iniciatoj kaj propagandmetodoj estus bezonataj por ekinstrui laŭkontrakte la Internacian Lingvon en ĉiuj lernejoj de la mondo, poste laŭgrade utiligi ĝin sur ĉiuj terenoj de la internaciaj rilatoj.

Ni devas noti: la ĉefa celo de ĉi tiu konkurso ne estas gajni radike novecajn propagandideojn — pri kiuj esperantistoj ĝis nun eĉ imagon ne havis. . . Laŭ ni la ĉefa celo estas: noveca E-propagando por ĵurnalistoj.

Koncerne la publikigon kaj procedon de la konkurso ni proponas:

**2. Per naciaj juĝistaroj — per internaciaj premioj**

a. La redakcio de „I. Ĵ." dissendas la precize projektitan alvokon en angla, rusa, franca, germana — kaj kompreneble ankaŭ en Esperanto lingvoj — al ĉiuj ĵurnalistaj asocioj de la mondo, respektive al iliaj fakgazetoj, petante ĝin komuniki en iliaj nacilingvaj gazetoj.

b. En ĉi tiu anonco ni petus de la konkursantoj en gepatra lingvo raportojn, artikolojn, skribaĵojn en iu ajn artspeco pri la temoj jam menciitaj sub la antaŭaj a) kaj b) punktoj — en amplekso ĉirkaŭ 100—150 tajpitaj *linioj*. Cetere la redaktorojn de la ĵurnalistaj fakĵurnaloj ni invitus por funkcii kiel unuagradaj juĝistoj. Inter la konkursaj kondiĉoj ni pretendus ke ĉiu kolego sendu senpere al sia propra fakĵurnalo sian nacilingvan konkursverkon. Pro tio per aparta akompanletero ni petus la redaktajn komitatojn de ĉi tiuj ĵurnaloj, ke la artikolojn, laŭ ilia opinio la plej bonajn minimume tri aŭ eble pli multajn — sinsekve aperigu sur siaj propraj kolumnoj. En la sekvonta etapo de la konkurso povus partopreni nur la artikoloj aperigitaj en la naciaj ĵurnaloj.

c. La verkojn — jam publikigitajn enlande, — surbaze de la antaŭaj invitoj de „I. Ĵ." — la respondeculoj de naciaj E-Asocioj tradukus en E-on, kaj sendus al la redakcio de nia internacia gazeto. Cetere ĉi tiujn artikolojn povus aperigi ankaŭ la lokaj E-gazetoj — kaj ili povus krom la sekundara honorario rekompenci tiujn per altvaloraj esperantlingvaj verkoj. La lokaj E-gazetoj des pli forte devus apogi ĉi tiun iniciaton ĉar la porĵurnalistaj fakaj gazetoj ne aperas antaŭ la vasta publiko.

d. „I. Ĵ." agus sekvontmaniere rilate la tiel alvenintajn certe grandnombrajn skribaĵoin, — surbaze de la kondiĉoj, publikigotaj ankaŭ en la alvoko: sekve de konsen[illegible] jam antaŭe faritaj kun E-gazetoj, Revuo Esperanto kaj Heroldo de E.-ĉi tiuj organoj kaj „I. Ĵ." komencus publikigi la artikolojn unu post la alia, dividitajn inter si mem. Kompreneble el tiuj po unu ekzemplero de la koncernaj artikoloj estus sendita al la verkintoj neesperantistaj.

e. TEĴA — pli ĝuste la redakcio de „I. Ĵ." — petus la specialan helpon de la gvidantaroj de naciaj E-asocioj al ĉi tiu internacie grava iniciato. Temas pri tio, ke kiel eble plej multaj asocioj akiru eblecon kaj oferu por la sukceso de la konkurso dusemajnan senpagan ripozeblecon en unu el la plej agrablaj enlandaj ripozlokoj. Ĉimaniere estus bone premii simile la verkintojn de la plej altnivelaj 20—25 skribaĵoj. La ĵurnalistoj, ricevontaj similajn premiojn, oni devus proponi tion jam en la alvoko, devas verki post la ripozo unu — du objektivajn raportaĵojn pri la impresoj akiritaj en la ga-

## PIONIRO DE LA ĴURNALISTA E. — MOVADO — REDAKTORO EINAR ADAMSON

Pasis pli ol 20 jaroj de kiam oni ekpensis kaj ekagis por la organizado de la ĵurnalistoj-esperantistojn en la mondo. Eble estas tempo surpaperigi kelkajn notojn pri la unuaj paŝoj de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, kunligante tion kun la nomo de la redaktoro Einar Adamson — la pioniro de TEĴA.

Al la E.-movado Adamson venis en 1911. Post tio li agadis jardekojn sur multaj postenoj kaj precipe-jurnalistaj. Li redaktis en 1912 hektografitan E.-informilon, kunlaboris al sialanda E.-gazeto kaj al la sveda pacgazeto „Freden", redaktis poste laboristan E.-revuon en Svedlando. Krome li gvidis gazetservon de UEA, estis ĉefdelegito kaj eĉ prezidanto de UEA. Ioman tempon li posedis kaj redaktis kulturgazeton semajnan (Minareten) kaj poste laboris en la redakcio de siaurba soc. demokrata taggazeto.

Por unua fojo mi kiel najbarlandano renkontis Adamson en Helsinki en 1927, kiam li veturis al Sovetunio. En Moskvo li renkontiĝis kun iuj gvidantoj de la tiama SEU (Sovetrespublika Esperantista Unio). Kun li mi havis daŭran intiman korespondadon. En 1946 mi demandis Adamson ĉu ni ne povus organizila ĵurnalistojn-esperantistoj en memstaran organizaĵon. En la sama momento hazarde pri tiu demando kontaktis kun li ankaŭ kolegoj el Danlando. Oni rapide interkonsentis, la ideo estis efektivigita kaj Einar Adamson ekagis kiel la unua sekretario de TEĴA. Li kolektis adresojn de ĵurnalistoj el multaj landoj, publikigis multobligitan „Informilon" kaj liston de la TEĴA — membraro, dissendis membrokartojn. Mirinde vigla kaj laborema homo!

Foje mi vizitis lin en lia hejmo en Göteborg, Svedio. Tiu domo estis vera esperantejo. Sur la muroj pendis diversaj memoraĵoj [ə multaj landoj, eĉ granda ruĝa standardo, kiun li ne estis foriginta eĉ dum la mondmilito, kiaj la hitleraj armeanoj naziistaj staris apud la landlimoj de Svedlando.

La sanstato de Einar ne estis bona. Bedaŭrinde, li mortis somere 1953. Ni, la tiamaj estraranoj de TEĴA, multe traktadis la demandon kiu povas okupi la gravan postenon de la mortinto. Kaj ni ne trovis taŭgan personon. Tiel iom post iom TEĴA ekdormis.

Nun nia asocio firme — jam bone organizita — iras antaŭen sur la vojo de nia unua pioniro. La nomo de la redaktoro Einar Adamson apartenas ankaŭ al nia E.-movado al nia TEĴA.

Turko, Finnlando **Niilo Kavenius**

---

stigonta lando por propra aŭ por alia enlandan gazeto..

f. Se helpe de ĉi tiu konkurso kolektiĝus multaj interesaj artikoloj, eble valorus kompili kaj eldoni en libroformo ilin en E. kaj en kelkaj naciaj lingvoj.

### 3. Granda iniciato — interesa propagandebleco

La kondiĉoj kaj la tuta ideo de ĉi tiu internacia konkurso estas kompreneble perfektigeblaj. Sed se ĝia esenco estos farita, kaj por premioj estos certigitaj 20—25 senpagaj eksterlandaj ripozoj, tiuokaze ĝi havus sukceson. La konkurs-alvokon oni devus sendi ankaŭ al la kvarlingva gazeto de Internacia Asocio de Ĵurnalistoj — kies centro funkcias en Praha. Cetere eble oni povus peti ĉi tiun organizaĵon, ke ĝi proponu kelkajn senpagajn lokojn en ĝiaj propraj internaciaj ripozdomoj por la plej bonaj konkursantoj. Por similaj petoj oni povus turni sin ankaŭ al aliaj Internaciaj ĵurnalist. organizaĵoj.

Laŭ nia opinio nia E-movado havas intereson pri la sukceso de la skribita ĵurnalista konkurso. Ja tiamaniere estus eble, ke la plej gravaj propagandfaktoroj de la mondo, parto de la ĝis nun neesperantistaj gazetarlaborantoj fariĝu pruvantoj de la ege bezonata Internacia Lingvo, eĉ iom post iom eble ili fariĝus propagandistoj de nia afero. El ĉi tiu vidpunkto la ĉefa gajno de la konkurso estus tio, ke la redaktoroj de la gazetoj apartenantaj al naciaj ĵurnalistaj asocioj — mem partoprenu en la ĵugado, krome aperigu la artikolojn plej alte taksatajn.

Ni, hungaraj ĵurnalistoj-esperantistoj estas pretaj — kiel surtabligantoj de ĉi tiu propono — akiri kaj certigi unu ripozeblecon por premio. Cetere ni volonte preparos la tekston de la konkurs-alvoko, krome la tekston de akompanleteroj por redaktoroj de ĵurnalistaj gazetoj.

Budapest, Hungario **Elizabeto Kis**
**Imre Sznes**

***Rim.*** *La redakcio de „I. Ĵ." petas la membrojn de TEĴA diri skribmaniere sian opinion pri la starigita iniciato kaj konkurso de niaj hungaraj kolegoj.*

## EMIL MAYER — JUBILEULO

Nia TEJA — aktivulo Emil Mayer el Krakow, Pollando, festis antaŭ nelonge jubileon — 40 jaroj de sia esperantistiĝo. En februaro 1927 li ekzamenis antaŭ komisiono en la ĉeesto de d-ro Leopold Dreher (Leo Turno) — la kursgvidanto, kaj prof. Kuhl. Tuj poste s-ano Mayer aliĝis al la loka (krakowa) E. — societo kaj eklaboris en la junularaj sekcioj, speciale en skoltaj medioj. En 1931 li partoprenis Universalan E. — Kongreson en Krakow. Antaŭ la dua mondmilito li redaktis du esp. revuojn — nome „Juna Esperantisto" — oficiala organo de TEJA (Tutmonda Jun. Asocio Svislanda) kaj de pacmovada organizaĵo „PAX", al kiu tiam membris ankaŭ la nuntempa premiero J. Cyrankiewicz, tiam prezidanto de la pacmovada studenta sekcio de la Jagellona Universitato en Krakow. Ankaŭ la bela revuo „Juna samideano", en tiuj jaroj estis bone taksata. Mayer eldonis 1934 propagandan libron pri internaciaj lingvoj kaj Esperanto kun antaŭparolo de prof. d-ro Odo Bujwid.

Nia jubileulo aktive partoprenis en la restarigo de la E. — movado post la mondmilito. Li partoprenis en la UK de E. en Marseille — Francio, Mainz — GFR kaj Warszawa — Pollando. Mayer estis la unua kaj plej aktiva reprezentanto kaj komitatano de Tutmonda Esp. Ĵurnalista Asocio por Pollando. Dank' al li estis organizita granda ĵurnalista grupo de TEĴA en Pollando, kiu dispeliĝis post la elekto de aliaj reprezentantoj. Ankaŭ nun li estas la kolego plej multe interesiĝanta pri TEĴA en Pollando.

Salutante nian karan jubileulon okaze de lia 40-jara esperantistiĝo ni bondeziras al li longan feliĉan vivon, fortojn por plua peresperanta laboro kaj aktiveco.

## EFEKTIVIGITA ĴURNALISTA PLANO

La gvidanto de la ĵurnalista E-grupo en Plovdiv s-ano Ivan Ŝivarov sendis al la redakcio de „I. Ĵ." raporton pri la agado de la grupo dum 1966. Laŭ la raporto anstataŭ la planitaj 24 estas efektivigitaj 26 ĵurnalistaj materialoj, presitaj en diversaj ĵurnaloj, revuoj, radio ktp.

Laŭ la raporto Ivan Ŝivarov aperigis 17 materialojn en „Internacia Ĵurnalisto", „Nuntempa Bulgario", „Bulgara Esperantisto", Pola Radio ktp. S-ano Angel Tanev aperigis tri artikolojn („Esperanto", Radio Sofia, „B. Esp."); s-ano Stefan Daŭĵonov — 3 materialojn („Otečestven glas", „B. E." „Informa bulteno"); s-ano Ivan Batakliev, s-ino Rosica Georgieva — po 1, kaj 1 materialo de redakta kolegaro.

Kiel ni vidas la ĵurnalista grupo en Plovdiv, Bulgario, daŭrigas sian modelan laboron. Ni salutas la membrojn de la grupo.

## NOVA PRIESPERANTA GAZETO

En Italio aperis la unua n-ro de itallingva gazeto „Esperanto", kvarpaĝa, flava papero. Enhavas priesperantajn informonj, eldirojn, artikolojn.

Adreso: Direktoro Konrado Cerri, Cas. Postale, 159, Aiella VC, Italio.

### RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

— Turku — ilustrita faldfolia prospekto turista kri la plej malnova, historia urbo Turku, Finnlando. penpage riseveebla ĉe: Kaupungin Matkailutoimisto Finnlando, Turku, Linnankatu 8. Neprea menciu „Esperanto prospekto".

— Kazanlâk — faldfolia prospekto turista, bone ilustrita pri la bela urbo Kazanlák situanta en la fama bulgara „Roza Valo". Eldonita okaze de la junulara tutlanda Esperanto-festivalo, kiu okazos ĉi printempe (1—3 aprilo) en tiu urbo.

— Heroldo — bulteno de la Poŝtista Esperanto-Societo en Sofio, Bulgario. Ĝisciigas, ke estas fondita en Budapeŝto dum la UK Internacia Poŝtista Esperanto-Asocio. Provizora adreso de IPEA: Bulgario, Sofio-Centro, Poŝtenska kutija 25 (por IPEA).

—Memorando al Unuiĝintaj Nacioj kaj Registaroj de la ŝtatoj-membroj pri transdono al UN de la Propono por solvo de la lingva problemo. Eldonis UEA en kvin lingvoj (angla, hispana, franca, rusa kaj Esperanto), 10-paĝa, granda formato.

— De Dromedaris (La Dromedaro) — ilustrita prospekto pri la malnova kolosa konstruaĵo en Enkhuizen (Nederlando), konstruita en 1540. En la Dromedaro okazos la Eŭropa Junulara E-Konferenco (19—29 VIII k. j.).

— Verda Film-Strio — multobligita (n-ro 1-Paro III) — organo de la Asocio Tutmonda de Filmo joto Amatoroj. Redaktas nia tejanino Iréne Fink, F. C. BOX. Mount Waverley, Victoria, Aŭstralio.

— Senmatrikulaj Artilerianoj. — Libreto 120-paĝa, entenanta naŭ rakontojn pri la unuaj tagoj de la „eskalada" milito de la usonaj militistoj kontraŭ la vjetnama liberama popolo.

— Informado — Laŭbezone eldonata presita bulteno, 16-paĝa, ilustrita, pri la batalo de la vjetnama popolo kontraŭ la usona militagreso.

La du lastaj persaĵoj livereblaj ĉe: Xunhasaba, 32. Hai Ba Trung, Hanoi, Vijetnamio.

Esperanto-rondeto en Opava — naskiĝurbo de P. Bezruĉ — eldonis: novan turistan prospekton bele ilustritan.

„Opava kaj ĉirkaŭaĵo";

Petr Bezruč — bela broŝuro kun biografio kaj versaĵoj de la fama poeto;

X. Besručova Opava — programo pri la E. — kultura festivalo 1967 kun aliĝilo en 8 paĝoj.

La eldonitaj materialoj estas riceveblaj ĉe: Esperanto-rondeto de UK Ostroj, Opava, Na rubničku 27, Ĉeĥoslavakio.

Redaktoro: Ivan Keremidĉiev — Esperov, bulv. Hristo Botev 98, Sofia—2, Bulgario; telefono; 3-34-04